


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIª, XVII.)
CAMOENS

**2a jaro JUNIO 1932 N-ro 15**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



Tipografia CHULILLA y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# RAPORTO PRI LA IX^a KONGRESO
## DE LA
## HISPANA ESPERANTO - ASOCIO
### (15-22 de Majo de 1932)

Dimanĉon 15an, je la 9 $^1/_2$, la samideanaro kunvenas en la festa salono de la Ateneo, okazigante laŭ la Regularo por ĉi Kongresoj la provizoran kunvenon sub prezido de la tri plej aĝuloj ĉeestantaj por voĉdoni la kongresestraron, kaj transdoni al ĉi tiu la dokumentaron kaj ĝeneralan ordon de laboroj, kiujn al ili donis la organizinta Komitato por la Kongreso. Prezidas S-ro Vicente Alonso kun S-roj Mariano Mojado kaj Jozefo Artigas, la dua kiel sekretario.

S-ro Vicente Alonso parolas emociigite elvidigante la gravecon de ĉi Kongreso kaj dezirante, ke ĝin regu *zamenhofeco,* kaj legas la jenan sian versaĵon:

Tre karaj amikoj, urbaj kaj vilaĝaj,
Estu bonvenintaj al Kongreso nia,
Kaj ĝoju tutplene dum momento ĉia
Dum eĉ por labori, estu ni tre saĝaj:
Ne venu grumbleme; male, jes, kun amo;
Pretiĝu al festo de samideanoj,
Estu indulgemaj al Komitatanoj
Se mankojn enhavas la Kongresprogramo.
La taskojn farotajn frate ni diskutu,
Kun ordo, konkorde, noble kaj sen ĝeno,
Nur celu la bonon, regu ne ĉagreno;
Viglege laboru, sed ni ne disputu.
Post la plenumado de la tasko nia,
Post la amuzadoj ĉiaj tre beletaj,
Disiĝu ni pace, laboradi pretaj
Ĝis nova Kongreso frata, harmonia.

Sekve li proponis, por ŝpari tempon, gvidite de plej granda deziro al kontento ĉies la jenan estraron por la Kongreso:

S-rojn: Julio Mangada Rosenörn, Prezidanto;
Karolo de San Antonio (de Madrid), Vicprez.;
Jozefo Anglada (de Barcelono), Sekret.;
Teodoro Elizondo (de Bilbao), Vicsekret.;
Jozefo Carnicer (de Zaragozo), Voĉdon.;
Serapio Elvira (de Santander), Voĉdon.;

Francisko García Merchan (de Cádiz), Voĉdon.;
Karolo Martínez (de Sevilla), Kalkulkontrolisto;
Ludoviko Campos (de Barcelono), Kalkulkontrolisto.

Unuanime akceptis la Kongresestraron proponitan kaj sekve S-ro Alonso transdonis ĉion al la ĵus elektita Kongreskomitato.

Je la 11 $^{1}/_{2}$ matene la salono estas plenplena, pli ol sescent personoj ĉeestas; kongresinsignoj kaj verdaj steletoj vidiĝas sur multaj brustoj.

Okupas la prezidantejon S-ro Cayetano Redondo, parlamentano kaj urbokonsilanto, reprezentante la urbestron, dekstren kaj maldekstren de li sidas S-roj Francisko Azorín kaj Rodrigo Almada, parlamentanoj, kaj la tri entuziasmaj kaj spertaj esperantistoj; ankaŭ en unua vico apud la parlamentanoj S-roj Mangada, Anglada kaj Lumbreras, kaj en dua vico la cetero de la Kongresestraro. La prezidanto malfermas la Kongreson sin turnante al S-ro Rafael Benedito, direktoro de la Ĥora Maso de Madrido, staranta en la estrado post la prezidantaro, por kanti la himnon de la Asocio «Preĝo sub la verda standardo» de la Majstro: la multenombra Ĥora Maso akompanate de la muzikistaro de la I$^{a}$ Regimento de Infanterio solenege aŭdigas la estrofojn de nia himno aŭdata emocie kaj stare de la ĉeestantaro; sekve la muzikistaro aŭdigas la Himnon de Riego, nacian himnon.

Tuj S-ro Redondo (hispane) faras belegan paroladon pri la granda valoro de Esperanto kiel dua lingvo por ĉiuj, elpruvante per faktoj spertitaj de li mem, pri tiu granda valoro, ĉar dank' al kvarkvinsemajna studado de la lingvo, li povis ĉeesti en Vieno kurson pri sociaj aferoj, kiun organizis la vienaj socialistoj por la kamaradoj de ĉiuj landoj. Li ankaŭ mirinde parolas pri la signifo de la esperantaj kongresoj, kaj super ĉio pri la universalaj kongresoj, kiuj estas vere pacaj festoj, pro kio Madrido celas organizi kaj okazigi la Universalan Kongreson por 1934. (Atentinde estas ke S-ro Redondo estas urbokonsilanto kaj ke la Urbestraro kiel la Provinca Deputataro jam atentis pri la Universala Kongreso por 1934 en Madrido.)

S-ro Mangada Rosenörn, kiel prezidanto de la Hispana Esper.-Asocio, parolas pri la ĉefaj celoj de la Kongreso for de la internaj aferoj, kiuj estas: enkonduko de Esperanto en la lernejoj, okazigo de la Universala Kongreso en Madrido por 1934. Li rimarkigas ke la paco tutmonda nur alvenos per la interrilatigo de la lernejoj de ĉiuj landoj, kiel jam asertis la instruistaro de multaj landoj dirante: «Al la Paco per Lernejo», sed ĉi tio nur estas ebla per Esperanto instruota dum la du lastaj kursoj de la elementa instruado, kaj tial ke la spirito de la lingvo zamenhofa estas potence vigla al kunigo de la koroj, pri kio S-ro Mangada plentrafe rimarkigas, kiel la du aŭditaj

himnoj vekas senton al Libereco, Egaleco kaj Frateco, sed per tute malsamaj sonoroj: la nacia himno vokante «la glavon soifantan», atentante «la obstinajn barojn» inter la popoloj eĉ inter la samgentanoj; la himno de la Asocio sin turnante pie, homame al ĉiuj homoj je la nomo de l' eterna, potenca forto mistera, vidata malsame de ĉiuj sed egale sentata en la koroj de la homoj, por, ĉe toleremo kaj amo reciprokaj, malaperigi ĉiajn obstinajn barojn al triumfo de tiu vera triunuo.

La Ĥora Maso kantas «La Siesta» (La Posttagmeza Ripozo), de l' kataluna komponisto Henriko Morera, kaj tuj S-ro Benedito, sin turnante al la Kongresanaro diras: «Mi, interpretante la altan idealon de ĉi Kongreso kaj de Esperanto, kaj kaŭze de la nunaj cirkonstancoj politikaj, kuraĝas, ke la Ĥora Maso kantu la belegan katalunan «Sardana» (muzikaĵo por kanto kaj danco, tipa de Katalunujo) nomatan «de las Monjas» (de la Monaĥinoj), kaj mirinde la «Sardana» estas kantata de la ĥoro premiata de unuanima tondroaplaŭdado.

S-ro A. Lumbreras, reprezentanto de la Internacia Movado por la Paco kaj de la Projekto de Henriko Oger pri la TRI URBOJ de la PACO BARCELONO-MADRIDO-SEVILJO, sin turnas al la Kongreso, ĉar ĉi movado akceptis Esperanton kaj ĝin utiligos, konsciante ke ĉi lingvo kaj la esperantistaro estos utilegaj al tia projekto, kaj ke Hispana Esperanto-Asocio kunlaborados al efektivigo de la celo, pri kiu estas projekto de leĝo Azorín-Lerroux en nia Parlamento. S-ro Lumbreras konsideras la Kongreson kvazaŭ la unuan agon de la Projekto de Henriko Oger, manifestacion tute pacan, kaj li asertas apogon de sia reprezentataĵo al Esperanto.

S-ro Azorín diras kelkajn vortojn nur, salutante la Kongreson ĉar pri nia afero li parolos sekvontan tagon.

S-ro Roberto Maraury salutas la Kongreson je la nomo de la Poŝta Ĝenerala Direkcio, kaj esprimas la deziron ke la Poŝto, kiu ne trovas barojn inter la popoloj, akceptos ĉe si Esperanton oficiale.

Je la nomo de la Telegrafa Ĝenerala Direkcio, salutas la Kongreson S-ro Fernando Soler Valls, esprimante ke Esperanton ĝi decidis *lingvo klara* kaj deziron por ke tio ĉi aperu sur afiŝo en la Centra Telegrafejo.

S-ro Redondo diras, ke la Zamenhofa Instituto de Barcelono aliĝas al la Kongreso kaj varme salutas ĝin kaj ke S-roj Jozefo Anglada kaj Francisko Vila estas delegitoj de la Instituto.

Sekve la Ĥoro, akompanate de la muzigistaro, kantas hispane unuafoje majestan belegan himnon al la TRIKOLORA STANDARDO HISPANA, kies muzikon komponis S-ro Francisko Cales (kiu komponis la himnon de la grupo «Antaŭen»), kaj kies versaĵon

verkis Francisko de Iracheta, la unua tiel lerta komponisto, kiel la dua bona poeto.

La solena malfermo finiĝis je la 12.ª kaj 45 m.

La 16an de Majo, lundon, je la 19ª kaj kvarono, en la festa salono de la Ateneo, la prezidanto malfermas la kunvenon, kies celo estas propagando, kaj diras profiti ĉi okazon pli bone al tiun de la malfermo por unue danki tutkore la Ateneon, la tre saĝan societon, kies hejmo estas tutmondfama, vera kaj efika fokuso el scienco, literaturo, politiko, sociaj idealoj, k. t. p., sekura rifuĝejo de kiuj ajn celbatalantoj, ĉe kiu ĉiaj spiritaj maltrankvilo kaj voko trovis rifuĝejon kaj eĥon, kiel elpruvas, ke la Ateneo donis al Esperanto aŭlon de la fino de la pasinta jarcento, kiel elpruvas la sindoneman akcepton al nia Kongreso. Sekve S-ro Mangada koncize prezentas la oratorojn: S-ron. Francisko Azorín, dirante ke li estas vere pozitiva valoro de la Socialista Partio, kompetenta kaj klera arkitekto, parlamentano kaj fervora pioniro de Esperanto aŭtoro de la mirinda verko Universala Terminologio de la Arkitekturo ilustrita de li mem per 2.000 desegnoj; S-ron. Vicente Inglada Ors, dirante ke li estas eksprofesoro de la Supera Staba Lernejo ĉar li estas staba leŭtenanto-kolonelo, unu el plej eminentaj sismologoj de la mondo, geografia inĝeniero, membro de la Akademio de Sciencoj de Hispanujo elkovrinta formulon por eksakte trovi la naskiĝlokon de l' tertremoj, eminenta esperantisto membro de nia Akademio kaj tre valora literaturisto.

S-ro Azorín hispane disvolvas la temon «Praktika Internaciismo: Esperanto»; profunde filozofe li argumentas pri la vera sento internarcia, rimarkigante la gravecon, kiun homo donas al kelkaj vortoj, ekzemple *libereco, egaleco*, k. c., por kiuj la homoj eĉ heroe bataladas, pro kiuj la homoj tro suferadas, kaj kvankam la realigo de tiuj idealoj dependas de diversaj malsamaj vidpunktoj, kiel ekzemple la *libereco*, ĉar malfacile oni scias, kie ĝi komenciĝas kaj kie ĝi finiĝas. Sed spite de ĉio la homo, eterna revanto, gvidate de kordeziro al komuna plej bona stato, konstante laborante al tiu celo ĉe kiu ajn kampo kaj utiligante por la efektivigo de la celo la diversajn fizikajn ilojn de komunikiĝo, laboradas por la internaciismo, por la universalismo, kaj ĉi tio estas krei unuecon el io varia; kaj ĉi unuecon, ĝis nun, pretendis krei nur generaloj, leĝistoj, ŝtatestroj, revistoj...; sed aktuale oni ne pretendas uzi tiajn fiaskintajn rimedojn, kiel ankaŭ oni ne pretendas trudi unu solan lingvon. Per federalismo kaj aŭtonomio en la politika kampo, per toleremo kaj reciproka respekto en la religia kampo, la homoj konkeras pli fruktodonajn grundojn, kampojn de libereco, de vera frateco, de plej justa genta stato komuna sur la neŭtrala lingva fundamento (kantita de nia himno «La Espero»), ĉar

la kreinto de Esperanto, la ĉiam amata Majstro mirinde profitis la komunan ĝermon kreitan de tiu homa penado al komuna, ĝenerala, plibonigo, por liveri al la Homaro la efikegan ilon efektivigontan la veran internaciismon, kiu estas la fundamento de la Paco, ĉar ĉi tiu estas neebla sen la Internaciismo; kaj ĉi tiu ne povas esti sen neŭtrala lingvo internacia, atentigante ke la lingvo estas kreanta forto, kiel diras la Biblio: «En la komenco estas la Verbo, kaj pro ĝi estis ĉio kreata», kaj la Verbo de l' Internaciismo estas Esperanto. (Longa aplaŭdado de la tuta ĉeestantaro, kiu plenigas absolute la grandan salonon.)

S-ro Inglada hispane komencas dankante S-ron Mangada, kiu, trouzante sian fratan amikecon, volis per siaj prezentantaj vortoj altigi lian nomon kvankam li nur estas scienca laboristo.

Li parolas pli la rapida progreso de la scienco kaj asertas, laŭ vortoj de samideano S-ro Archdeakon (pioniro de la Aernavigacio), ke Esperanto estas unu el plej gravaj atingoj de la homa menso. Li elpruvas, ke la scienco estas unu sola kaj universala, ne rezultato de iu nacia kulturo, sed rezultato de la konstanta laborado kaj kulturigo de ĉiuj nacioj, kie multenombraj scienclaboristoj esploradis kaj esploradas la Naturon por elĉerpi el ĝi Veron post Vero. En neniu alia kampo estas pli necesa Esperanto ol en la scienca kampo: kaj pri la grandega graveco, kiun la lingvo posedas, la Biblio mem parolas, dirante al ni la malaperigon de la komuna lingvo kaj la lingvan multobliĝon kiel Dian punegon, kiu fariĝis granda malfeliĉo por la Homaro. La Scienco postulas, do, malaperigi ĉe si la lingvkonfuzon, sed ne per la latina lingvo, kiun vame penadis starigi ree scienca lingvo, kaj kiu nur estas kaj estos respektinda antikvaĵo, ĉar ĝin reformi (kiu estus sakrilegio por la latinistoj) estus necese tiel, ĝin simpligante, forlasante malnovajn vortojn, adaptante la novajn, forigante la malregulaĵojn, k. c., por certe rezultigi Esperanton: pri la gravaj reformoj necesaj al la latina lingvo oni povas konscii sciante ke nur en la elektroteKniko oni uzas proksimume 10.000 fakterminojn. Solvi la problemon per nacia lingvo estas tute neeble, ĉar, post kelkaj generacioj, la landoj akceptintaj la solvon, la nacian lingvon, fariĝus kolonioj de la lando kies lingvo estus akceptita. Krom tio, la naciaj lingvoj estas ankaŭ tre malfacilaj. La problema de la scienca vidpunkto estas terura, la diverseco de lingvoj estas barego al rapida progreso de la Scienco, kiu aperas en angla-franca-hispana-germana-hungara-japana....., kaj se lernado de unu sola nacia lingvo postulas multe da peno kaj tempo kiom da peno kaj tempo postulus lerni kelkajn lingvojn rabante tiujn penon kaj tempon al la Scienco mem?

Li klarigas resumon de la esperanta gramatiko, kiu montras la

facilecon de Esperanto kompare kun la aliaj lingvoj. Li mencias, ke la franca lingvo, ekzemple, por la konjugacio havas, laŭ Sotos Ochando, 2265 finaĵojn, dum en Esperanto sufiĉas 12 por konjugacii la tempojn simplajn kaj kunmetitajn de ĉiuj verboj.

Ankaŭ li klarigas, kiel la uzado de la prepozicioj estas faciligita en Esperanto pro tio, ke ĉiu prepozicio havas sian precizan sencon, dum en la naciaj lingvoj unu sama senco estas ofte esprimata de diversaj prepozicioj; ekzemple, esti *sur* la tablo, rajdi *sur* ĉevalo, rajdi *sur* azeno, estas tradukitaj en la hispana lingvo per: estar *sobre* la mesa, montar *a* caballo, montar *en* burro.

Esperanto, ĉar estas fonetika, ne havas bezonon por ortografio.

La analogio kaj sintakso estas ankaŭ tre facilaj tial ke ĉiu vorto havas specialan karakterizon aŭ finaĵon, kiu montras ĝian metion en la frazo.

Kaj la prozodio nur havas du regulojn, nome: ĉiu vokalo formas unu silabon, kaj la akcento estas ĉiam en la antaŭlasta silabo de la vorto.

Li montras la flekseblecon de Esperanto en kiu oni povas formi novajn vortojn kombinante la jam konatajn elementojn, ekzemple, se oni volas traduki la vorton «surlaringa». Tiamaniere, supozante ke, laŭ la plena vortaro de Esperanto de S-ro Grosjean Maupin, ekzistas 7.000 radikoj, kombinante ilin duope, rezultas matematike la kvanto da 49 milionoj da kunmetitaj vortoj. Nun, supozante, ke ne ĉiuj kunmetitaĵoj estos uzeblaj, ni reduktu ilin je unu miliono, kaj konsiderante ke ekzistas en Esperanto ĉirkaŭ 35 afiksoj, ni povos facile formi 35 milionjn da vortoj. Kaj tio estas supermezura kvanto da vortoj. (Atentu ke Shakespeare uzis por sia kompleta verkaro proksimume 15.000; kaj Cervantes, por sia Kiĥoto, kies amplekso nur atingas la duonon el la *Shakespeara* verkaro, uzis 9.350, kaj ke ambaŭ senmortaj verkistoj estas la plej vortriĉaj verkistoj). Jen kial la esperantisto estas kreanto de vortoj, kaj posedanto de senlima pensa esprimkapablo.

Ne taŭgas la argumento naciisma, kiun oni kontraŭmetas ofte al la progreso de internacia lingvo. Oni ne povas trudi unu malfacilan lingvon nacian sub la preteksto, ke ĝin parolas granda nombro da homoj. La hispana lingvo, unu el la plej gravaj, nur estas parolata de 4% da loĝantoj de la mondo. Krom tio, la statistiko de la sciencaj verkoj publikigitaj en 1910 (entute 10.000 verkoj), montras, ke la 98% de tiaj verkoj estis publikigitaj en franca, angla kaj germana lingvo, dum la 2% estis publikigita en hispana, k. c.

Ankaŭ ni devas konsideri, ke se oni volas elekti, kiel internacian la lingvon kiun parolas la plej granda nombro da homoj, oni devus

elekti la ĉinan, sed kompreneble la eŭropanoj protestus, ĉar tiu lingvo estas tro malfacila.

Do, pro patriotismo, ni devus klopodi, ke la tuta mondo uzu Esperanton por la sciencaj verkoj kaj tial nia hispana lingvo estus starigita je la sama nivelo kiel la aliaj naciaj lingvoj.

Li diras, ke en tiu ĉi tago de la jaro 1925, pro la klopodoj de S-ro Mangada, li, S-ro Torres Quevedo kaj S-ro Emilio Herrera ĉeestis en Parizo la Kongreson por Esperanto en la sciencoj, kaj ke al ĝi estis prezentita propono subskribita de 35 membroj de la franca akademio petante la enkondukon de Esperanto en la Sciencon.

Ankaŭ li mencias, ke en la Kongreso de Sciencoj okazinta en Stokolmo 1930, iu usonano legis proponon en sia lingvo, kaj petinte lin trifoje ke li diru ĝin, oni estis devigataj peti de li, ke li skribu sian proponon por ĝin kompreni.

Fine li petas, ke la Ateneo daŭrigu favorante Esperanton kaj montras sian dankemon al la Ateneo ĉar en ĝi li lernis Esperanton antaŭ 32 jaroj. Li proponas, ke la Scienca fako de la Ateneo entreprenu la taskon realigi la proponon de la Kongreso de Esperanto en la Scienco, tial ke la Scienco, tio estas, la esplorado de la vero, estas universala kaj pro tio bezonas lingvon tutmondan. Li esperas, ke la Ateneo akceptos tiun proponon, tial ke la ĉefa celo de la Ateneo estas «Pro la Scienco kaj por la Scienco». (La aŭskultantaro entuziasmege aplaŭdadis la trafantan paroladon de S-ro Inglada.)

S-ro Vilá deklamas hispane kaj esperante: «El cazador herido» (La vundita ĉasisto), originale verkita de Ganivet kaj tradukita de S-ro Inglada; «Diálogo de Babieca y Rocinante» (Dialogo inter Babieko kaj Rocinanto), de Cervantes, tradukita de S-ro Mangada; kaj «La Espero» (La esperanza), de la Majstro, tradukita hispane de nekonato. La publikon profunde impresis la laboron de nia bonega rapsodo, elpruvante denove kiel nia lingvo belsonas, ĉar jam la esperanta bonega kantado de la himno de nia Asocio konstatis ĝian kapablon mirindan por la kanto.

S-ro Mangada faras kortuŝan resumon, dankas la oratorojn kaj deklaminton, la ĉeestantaron, speciale francan samideaninon kaj portugalan samideanon, kiuj sidas ĉe la estrado kaj prenante la manojn de ambaŭ gekamaradoj fervore frate diras hispane: «Jen kiamaniere la esperantistoj pensas kaj sentas, prenante la manojn de ĉi francino kaj ĉi portugalo, ni, hispanoj, konsideras esti prenantaj la manojn de ĉiuj homoj de la mondo kaj senti tra la ĉeno formata de niaj korpoj potencan fluon korsentan de vera frateco gvidinta la kreinton de Esperanto, la senmortan Ludovikon Lazaron Zamenhof por liveri al la homoj Esperanton.» (La entuziasmo eksplodas ĉar la momento estas

emociiga. Varme aŭdiĝas opinioj de kleraj malnovaj membroj de la Ateneo laŭdante la du kunvenojn, sed el ili maljuna klerega generalo diras: «La du kunvenoj estas la plej seriozaj, gravaj, simpatiaj kaj plensukcesaj de ĉiuj vidpunktoj, el ĉiuj okazintaj de antaŭlonge en la Ateneo»).

## LABORKUNSIDO ĈE LA ATENEO

*17an de majo de 1932 (7 ¹/₄ vespere)*

La prezidanto malfermas la kunsidon.

S-ro Serapio Elvira, el Santander, proponas sian urbon por la okazigo de la venonta Hispana Esperanto-Kongreso, en la jaro 1933, kaj salutas la Kongreson je la nomo de la santanderanoj.

La prezidanto diras, ke la propono estas vidata kun simpatio kaj ke ĝi restas sur la tablo por esti voĉdonata poste.

S-ro Carnicer, el Zaragoza, salutas la Kongreson kaj bondeziras al ĝi sukceson je la nomo de «Zaragoza Esperantisto»; li esprimas ankaŭ bedaŭron, ĉar malfavoraj cirkonstancoj ne permesis okazigi ĉi Kongreson en Zaragozo. Je la nomo de la heaanoj de Zaragozo li petas la reelekton de la Centra parto de la Komitato de H. E. A. laŭ konsentas la Regularo kaj konsilas la progreso de la Asocio.

La prezidanto petas, ke oni ne parolu pri pasintaĵoj, nek pri personaĵoj, kaj ke pri la reelekto ne estas ĝustatempa momento por paroli.

S-ro Teodoro Elizondo, de Bilbao, salutas kaj bondeziras la Kongreson je la nomo de la esperantistoj de sia urbo; same faras S-ro García Merchán, je la nomo de la samideanoj de Cádiz, kaj S-ro Jozefo Anglada, post sama saluto kaj bondeziro je la nomo de la samideanoj de Barcelono, rimarkigas kiel dank' al laboro de S-ro Francisco Vilá kaj dank' al la allogo de la eldonitaĵoj senpagaj por la membroj de H. E. A. laŭ la nova vojo irata de la Asocio, ĉi tiu varbis dum unu monato preskaŭ CENT MEMBROJN en Barcelono nur.

S-ro Vicento Inglada diras, ke li ricevis poŝtkarton de S-ro Máñez, kiu aprobas la agadon de H. E. A. Li diras, ke tiu ĉi Kongreso devus esti repaciga Kongreso kaj petas de S-ro Mangada, ke oni ne parolu pri io ajn pasinta kaj eble ĝenonta samideanojn.

La prezidanto, S-ro Mangada, asertas, ke la Komitato ĉiam volis eviti aludojn kaj ke ankaŭ estas inspirita en tiu celo la gazeto. Li esperas, ke antaŭ la jaro 1934, oni venos al la interkonsento, kiu ebligos la plej grandan sukceson al la Universala Kongreso, kiun oni deziras okazigi en Madrido.

S-ro Karolo de San Antonio salutas je la nomo de D-ro Cortezo kaj de «El Siglo Médico» (Medicina Revuo).

La sekretario de H. E. A., S-ro Mariano Mojado, estas petata de la prezidanto por ke li legu la raporton, konstatante ke se ĝi entenus ion kapablan vundi ian senton aŭ iun samideanon tio devus malaperi el la raporto tial ke konkordo kaj bondeziro al unuiĝo devas regi la Kongreson, forgesante la malfavorajn cirkonstancojn tra kiuj vivadis la Asocio de la Kongreso de Oviedo ĝis nun, atentigante ke la krizo estas ĝenerala, kaj ke tiu ĉi krizo spertigas malfacilaĵojn al ĉiuj esperantaj organizaĵoj.

S-ro Inglada diras, ke la prezidanto estas prava ke ni ne devas okazigi eĉ minimuman kialon, kiu povos bari aŭ malhelpi laboron al starigo de sola fronto en la tuta lando; pli-malpli same esprimas S-roj De San Antonio kaj Anglada, kaj S-ro Soler petas, ke oni klarigu ĉu oni akceptis aŭ ne la protokolon de la Kongreso de Oviedo.

La prezidanto diras pri la peto de S-ro Soler, ke, pri la decidoj de Oviedo, oni faris laŭ ordonas la Regularo, ke pri ili tute klare eĉ la gazeto parolis, ke pri tio oni ne povas diri pli detale, ĉar ni revenus al pasintaĵoj kiujn ni ne devas tuŝi, ĉar de la komenco oni starigis la principon ne aludi ion, kio povos ĝeni iu ajn. Kaj post ĉi paroloj, la prezidanto petas al la sekretario legi la raporton, kaj S-ro Mojado legas la jenon:

## RAPORTO PRI LA AGADO DE H. E. A. DE 1929ª ĜIS 1932ª

Ĉar oni decidis absolute enterigi pasintaĵojn al plej trankvila solvo de l' problemoj postulantaj la prosperigon de Esperanto, nur oni povas raporti deflankigante ĉion, kio ne koncernas nure laboron; krome, ĉar ĉio aperis sur la oficiala organo de la Asocio kaj ĉiuj scias tute klare la disvolvon de ĉiuj aferoj de la Kongreso de Oviedo ĝis nun. Ĉion deciditan de la Kongreso de Oviedo estis plenumata laŭ la regularo de la Asocio, kaj ĉi tion konstatas la subskribitaj aktoj de la oficiala leĝa libro de H. E. A. La vivo de la Asocio de la Kongreso de Oviedo ĝis la fino de la pasinta jaro disvolviĝadis pli malpli pene kaj reflektiĝis sur la gazeto, pro kio ĉiu samideano konstante sciis pri ĝi, kaj multaj, ĉu pioniroj ĉu nove varbitoj, eĉ per partikularaj leteroj tute detalaj; tamen ĝi ne perdis grandajn fortojn ĉar novaj varbitoj kompensis eksiĝintojn, spite de tre malfavoraj cirkonstancoj ĉiaj. Ĝi volis okazigi la IXan Kongreson en Zaragozo, laŭ decido de Oviedo, sed la aluditaj cirkonstancoj baris la laborojn, pro kio estis neeble organizi la IXan

tie. La H. E. A.-anoj dume, spertinte, celis liberigi la Asocion kaj eviti barojn al ĝia disvolviĝo, kaj tial decidis liveri al la Asocio novan regularon, kiu, konservante fidele la esencon de tiu, kiun aprobis la Kongreso de Madrido, projektitan de nia samideano S-ro Francisco Azorín, kaj kiu ĝis nun gvidis nin, povas ankaŭ kontentigi ĉiujn aspirojn, donante plenan liberecon al ĉiuj H. E. A.-anoj por ariĝi laŭ propra deziro. La Regularo iris de loko al loko, ĝin amendis unu kaj aliaj kaj fine fariĝis laŭ aperis en la gazeto por la Kongresa decido. Samtempe oni pensis pri la neceso envojigi la okazigon de la Kongresoj por ankaŭ eviti malfacilaĵojn, kaj ke ilia disvolviĝado estu orda kaj facila; pro kio H. E. A. sin donis sian Regularon por la Kongresoj, kiu aperis fine en la numero de decembro de 1931ª de nia oficiala organo.

Tiel alvenis la politikaj okazintaĵoj en nia lando kaj la Asocio trafis de la Ministerio de Publika Instruado la subvencion da 5.000 pesetoj, kiu permesis iri rapide antaŭen, kaj estis decidate okazigi la IXan en Madrido por firme starigi la Asocion. De decembro de 1931ª ĝis nun, H. E. A. vigle agadis: senpaga gazeto por la membroj; ankaŭ senpaga suplemento al ĝi, aperigante la Terminologion de S-ro Azorín, «Mia poezio» de S-ro San Millán, 2.000 ekzempleroj, liverota preskoste preskaŭ; kajereto «¿Qué es el Esperanto?», laŭ 12.000 ekzempleroj, el kiuj jam oni disdonis proksimume 9.000 senpage al grupoj, pioniroj kaj samideanoj. Tuj aperos «La kreitaj profitoj» de S-ro Benavente, tradukita de S-ro Inglada, 2.000 ekzempleroj, ankaŭ liverota preskaŭ preskoste; baldaŭ aperos kajero por kompleti «¿Qué es el Esperanto?», 12.000 ekzempleroj, kiu entenos ekzercaron de Doktoro Zamenhof kaj vortareton.

La Komitato interrilatiĝis kun Aŭtoritatuloj; la Komitato ĉiulunde kaj ĉiuvendrede kun komitatanoj por la IX Kongreso kaj aliaj samideanoj interŝanĝis opiniojn pri ĉiaj aferoj de la Asocio, kaj oni povas konstati ke ĉiam decidis entute H. E. A., kvankam la respondeco pro ĉio estas nur por la komitatanoj. Oni esploris pri konveno okazigi Universalan Kongreson en Madrido, ĉar jam dum la Kongreso de Oviedo oni decidis pri tio, kaj la esploroj estis kontentigaj. Oni opiniis unuanime esti nepre necesa al H. E. A. propra loĝejo, en kiu starigi ĝian oficejon, konstantan kursejon, k. t. p., ĉar la laboroj entreprenitaj por havigi al H. E. A. senpagan loĝejon ankoraŭ ne sukcesis, kaj la solvo estas urĝa.

Estas rimarkinde, ke de la momento de ĉi tiu nova etapo de nia vivo, de la interŝanĝo de opinioj post la enterigo de la pasintaĵoj al la unuiĝo ĉe la plej granda respekto al partikularaj deziroj por subariĝo, dum la aluditaj kunvenoj, same per la gazeto, kiel letere, estis laboro al malaperigo de diferencoj, sed malsukcese eĉ sen respondo foje

rezultis niaj penoj; pro tio ni, nur atentante nian aferon ĉe H. E. A., ne pri celo aŭ deziro ies, ne pri plano de tiu aŭ alia aro el samideanoj for de H. E. A., firme iras antaŭen nian vojon, nin kondutante laŭ plej granda fideleco al la REGULARO reganta la Asocion kun la plej granda deziro progresigi ĉi tiun, kiel ĵus ni spertis altirante al ni CENT novajn membrojn nur dum la dudekkvin antaŭaj tagoj al la malfermo de la Kongreso, kaj varbinte de la komenco de la nova etapo DUCENT TRIDEK entute novajn anojn, enspezinte multe pli da mono pro kotizoj ol dum kiu ajn jaro el la pasinta etapo, renaskante vigle la movadon kie ĝi dekadencis aŭ malaperis per refondo de grupoj kaj fondo de novaj, semante kaj semante per la kajero eldonita. Tiamaniere laborante, ni esperas, ke la vigla laboro de H. E. A., profitdona al ĝia membraro kaj al progresigo de Esperanto, sen enmiksiĝo en personaĵoj, fajlos iam, espereble ne malfrue, la malglataĵojn, kiuj nun baras la starigon de unu granda unuiĝo de la hispanaj esperantistoj. Madrido, la 15an de majo de 1932. La Sekretario, *Mariano Mojado*.—La Prezidanto, *Mangada Rosenörn*.

Unuanime oni aprobas la raporton.

S-ro Johano Calahorra plendas, ke la HEA-Delegitoj en Madrido ne kunvenigis la HEA-anojn de Kastilujo antaŭ la Kongreso.

La prezidanto diras, ke estas la membroj mem laŭ la Regularo tiuj, kiuj rajtas postuli de la HEA-Delegitoj la plenumadon de iliaj devoj; ke la HEA-anoj esprimu la plendojn al la Komitato ĝustatempe por solvi la aferojn; ke la Kongresaferoj estis aperintaj klare sur la gazeto antaŭ la Kongreso. La sekretario aldonas, ke la HEA-anoj de Kastilujo estas kulpaj ne esti sin donintaj la Delegitojn laŭ la Regularo.

S-ro Ludoviko Campos legas la kalkulojn de H. E. A. kaj asertas, ke li kaj S-ro Karolo Martínez, kiel kontrolistoj, trovis la kalkulojn sen trompo kaj eraro, en tute absoluta ordo, kaj ke la financa stato de la Asocio estas vere prospera, pro kio la du kontrolistoj subskribis la raporton pri sia revizianta komisio laŭ la senco aludita, kaj S-ro Campos legas la raporton. Oni aprobas unuanime la kalkulojn de la Asocio.

La prezidanto diras esti alveninta la momento por komenci la diskuton pri la nova Regularo, aperinta en la gazeto (n-roj de aŭgusto kaj septembro de 1931); sed tial ke S-ro Soler prezentas proponon, kiu koncernas ĉi aferon, kaj laŭ la Regularo de la Kongresoj ĉi propono devis esti metata sub decido de la Kongreso post diskutado kaj voĉdonado de la laboroj aperintaj en la ĝenerala ordo de laboroj, la prezidanto opinias, ke spite de la Regularo, ĉar celo de konkordo regas la Kongreson, ĉi tiu devas konsenti akcepton de la propono

por ĝin pritrakti tuj, kaj sin turnante al la kongresanaro por la voĉdonado, la Kongreso unuanime decidas akcepti la proponon: tial la sekretario de la Kongreso legas ĝin:

## PROPONO

*de S-ro Ferdinando Soler Valls, antaŭ la diskutado de la apartaĵoj c) kaj d) de la 1ª Punkto de la laboroj de la IXª Kongreso de H. E. A.*

Konsiderante ke la paca aranĝo de la reorganizado de la esperantistaj fortoj en Hispanujo bezonas ankoraŭ plian pritraktadon de H. E. A. kun la aliaj ekzistantaj organizaĵoj por starigi la hispanan «unikan fronton», laŭ la deziroj esprimitaj ĉe la VIIIª Kongreso en Oviedo, pri kies protokolo devas decidi la nuna Kongreso;

Konsiderante ankaŭ, ke ne estas konvena la aprobo de definitiva regularo, kiu malhelpos la diritan pacan aranĝon, oficialigante la nunan dividon de opinioj pri regulara afero,

La subskribanto proponas al la IXª Kongreso la jenon:

1.ª Ke oni prokrastu la diskutadon kaj voĉdonadon de la proponota regularo ĝis la proksime venonta Kongreso.

2.ª Ke la nove elektita Direktanta Komitato de H. E. A. por kiu oni devas difini kiel eble plej novajn kaj senpartiajn membrojn, ne antaŭe apartenantajn al ĝi, prenu sur sin la laboradon konsulti la diversajn organizaĵojn esperantistajn de Hispanujo, en la celo kolekti opiniojn pri komuna regularo por ĉiuj, kiun ĝi devos aranĝi kaj prezenti ĉe ĝia oficiala organo antaŭ ses monatoj, por ke ĉiu esperantisto povu proponi, tri monatojn poste, la ŝanĝojn deziratajn de li, kaj en la tri lastaj monatoj de la interkongresa jaro ĝi publikigos la prezentotan definitivan regularon, kiu estos diskutata kaj aprobata por regi dum la deviga nombro da jaroj, kiujn la Kongreso fiksos.—*Fernando Soler*.

S-ro Soler, subskribinto de la propono, diras ke ĝi celas la pacon, ke estas necesa konkordo kiu nin konduku al plena unuiĝo kaj ke oni devas prokrasti la aferon de la Regularo ĝis kiam ĉiuj estos atingintaj tiun unuiĝon, ĉar la Regularo estus kaŭzo baranta la unuiĝon.

S-ro Carnicer parolas kontraŭ la propono, ĉar unu el ĉefaj celoj de la Kongreso estas kvazaŭ konfirmi la Regularon, kiu jam estas eĉ amendita de la samideanoj de iuj lokoj.

S-ro Isauro Alvarez sin montras favora al la propono defendante ĝin.

S-ro Campos opinias kontraŭ la propono, konstatante ke oni ne povas akcepti ĝin.

S-ro Almada parolas kontraŭ la propono, ĉar oni ne povas prokrasti la aferon de la Regularo, kiu ne atencas pacon tial ke inter la HEA-anoj ne ekzistas malpaco, kaj se ne ekzistus paco, ĝi tamen ne estus atingebla per la propono. Krom tio, li diras, la Komitato estas tute senpartia kaj ĝi multe laboradis.

S-ro Soler reparolas por klarigi ke lin gvidis al la propono bona intenco, kaj ke, ĉar oni diris al li esti preta la Komitato forlasi sian postenon se tio rezultigus bonon al Esperanto, li proponis.

S-ro De San Antonio diras, ke oni ne atingos pacon per la propono; ĉu la batalo ekzistas, gi daŭros.

S-ro Inglada parolas favore je la propono, dirante ke ĝia celo estas granda, ke ne konvenas ekzistu kelkaj naciaj organizaĵoj, sed unu sola, kaj ke se oni aprobus la proponon, nenio malbona povus okazi.

S-ro Mangada diras, ke estis plenumata la Regularo de la Kongresoj, ĉar parolis tri samideanoj favore kaj tri malfavore, ke la propono estas sufiĉe diskutita kaj ke oni devas ĝin voĉdoni, sed antaŭ ol fari ĉi tion estas necese fari kelkajn klarigojn: Unuan, H. E. A. ne kontraŭstaras laboron al unuiĝo celata de la propono; male, H. E. A. entreprenis ĝin kaj ĝin deziras kaj por ĉio ĝi sin turnis al samideanoj kiuj foriris el la Asocio. Duan, ke, kiel diris S-ro Carnicer, la diskuto kaj aprobo de la Regularo estas unu el ĉefaj celoj por kiuj H. E. A. organizis ĉi Kongreson, ĉar H. E. A. deziradas havi tute klaran Regularon, kaj ĝin havi fine baras neniel laboron al unuiĝo. Trian, ke same la parolanto kiel la cetero el la Komitatanoj estas tute senpartiaj, ne okupas kaprice la postenojn, sed kaŭze de la HEAnara decido, kaj ke ĉi tiu estas plenrajta por, laŭ la Regularo, decidi; ke la Komitato agadis sukcese por la bono de Esperanto kiel estas elpruvite; ke la Komitato, efektive, estas preta forlasi la postenojn por la bono de Esperanto, sed ĉiam kaŭze de la decido de la HEAanoj. Li metas la proponon al voĉdonado, sed S-ro Inglada petas la parolon, kaj la prezidanto, kvankam jam la propono estas sufiĉe diskutita, donas la parolon al la petinto, kiu sin turnas al la kongresanaro proponante forigi la duan parton de la propono. Tial la prezidanto rekonstatas ke la propono estas sufiĉe diskutita, ke ĝin modifi laŭ propono de S-ro Inglada ne gravas por ĝin voĉdoni; la prezidanto ĝin submetas, do, al voĉdonado, kaj ĝi estas malakceptata de granda plimulto.

Tial la Kongresanaro ekdiskutas la Regularon, artikolon post artikolo:

Artikolo I[a]—Aprobita unuanime.

Artikolo II[a]—Forigi «presten y puedan prestar», anstataŭante tion per «*o presten*», oni decidas.

Oni decidas modifi la IIIan art. aldonante, post «regionalmente», «*o por profesiones*».

Oni decidas por la IV art. ke estu en la Komitato Vicsekretario, Victrezoristo kaj Bibliotekisto, kaj post diskutado, kiun partoprenas S-roj Campos, Almada kaj De San Antonio, ke la Voĉdonantoj regionaj estu TRI anstataŭ DU, po regiono.

La prezidanto fermas la kunsidon je la $9^1/_2$ nokte.

## LABORKUNSIDO ĈE LA ATENEO

### 19*an de majo de* 1932 (7ª *h. vespere*)

La prezidanto malfermas la kunvenon daŭrigante la diskuton kaj voĉdonadon de la nova Regularo.

Oni legas la 5an artikolon, kaj S-ro Inglada proponas anstataŭi la vorton «Comité» per «Junta», kaj S-ro Mojado ke oni determinu klare la manieron elekti la «Junta Central» aldonante «en el Congreso o por los Vocales regionales en otro caso» post «La Junta Central Ejecutiva será elegida por votación general». Oni aprobas unuanime la artikolon kun la amendoj de S-roj Inglada kaj Mojado.

Pri la 6ª artikolo S-ro De San Antonio proponas ke la postenojn oni ŝanĝos po duone; S-ro Inglada proponas ke la reelekto nur povu esti unufoje; S-ro Sosa proponas la jenan amendon: «y serán substituídos, en ausencias y enfermedades, por sus respectivos *vices*, y, a falta de estos substitutos, por los vocales 1.°, 2.° y 3.°, respectivamente, de Castilla la Nueva, que residan en Madrid, entendiéndose que se considerará como más antiguo de éstos a aquél que posea el carnet de socio con numeración más baja.

Cuando por cualquier causa vacare definitivamente un cargo y no hubiera con quién sustituirlo, la Junta Central Ejecutiva designará a uno de los HEAanos residentes en Madrid, el cual ejercerá el cargo hasta la fecha en que los demás hubieran de cesar en los suyos.

De todos estos nombramientos y substituciones se dará conocimiento en el órgano oficial de la Asociación.»

Oni aprobas la artikolon kun la amendoj de S-ro De San Antonio kaj Sosa, kaj rifuzante tiun de S-ro Inglada, pro kio la reelekto estas ĉiam ebla. S-ro Calahorra esprimas sian voĉdonon malfavora je la artikolo.

Oni aprobas unuanime la 7an artikolon post klarigo de S-ro Calahorra; unuanime oni aprobas la artikolojn 8an, 9an kaj 10an.

S-ro Sosa proponas ke en la artikolo 11ª oni determinu ne povi

opinii kaj voĉdoni la membroj de H. E. A. kiuj ne estu tiaj de almenaŭ unu jaro antaŭ la dato de la Kongreso; S-ro Escartín proponas ke oni aldonu ke la konkludoj estos firmaj por ilin plenumi kiam ili koncernas la ĝeneralan ordon de laboroj aperintaj en la oficiala organo, kaj ke nur estu validaj la ceteraj konkludoj ne aperintaj en la ĝenerala ordo post la templimo fiksita de la artikolo. Oni aprobas la 11an artikolon kun la antaŭaj amendoj.

Oni aprobas la 12an artikolon. S-ro Inglada petas, ke la gazeto ne enpresigu verkaĵojn, kiuj povas ofendi sentojn ies.

Oni aprobas la 13an kaj 14an artikolojn, kaj pri ĉi tiu estas ĝenerala opinio pri urĝa neceso havi loĝejon por H. E. A.

Oni aprobis la 15an artikolon, sed konstatante en ĝi, ke la disiĝo ne povos okazi dum ekzistos DEK membroj, kiuj volos ĝin daŭrigi, amendante ĝin al dirita celo.

Oni aprobas la 16an artikolon kaj unuanime forigas la 17an.

La kunsido finas je la 21ª h. kaj 45 m.

La definitiva Regularo voĉdonita de la Kongreso por la Asocio estas la jena:

**Objeto de la Asociación**

Artículo 1.° La ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA (H. E. A. = *Hispana Esperanto Asocio*, en Esperanto) tiene por objeto propagar y aplicar la lengua «Esperanto» en España, acelerar su adopción oficial por el Estado en la enseñanza y facilitar su uso por todos los medios posibles, apartándose en absoluto de cuestiones sociales, políticas y religiosas.

**De los socios**

Art. 2.° Serán socios de H. E. A. cuantas personas y entidades acepten y cumplan este Reglamento; constarán de tres categorías:

A) Numerarios, que pagarán una cuota anual de *dos* pesetas;

B) Protectores, que serán cuantos paguen anualmente una cuota superior a la señalada para los numerarios; y

C) Honorarios, que serán aquellos que, por su altruísmo y valer, hayan prestado o presten un apoyo efectivo a la Asociación. Esta categoría será dada por el Congreso o Asamblea general de la Asociación, a propuesta de la Junta directiva, que expondrá a la Asamblea los méritos del propuesto.

Siendo anual la cuota, se tendrá en cuenta que el carácter de socio

